10

1a JARO. Noj 1-2.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

REDAKTITA DE LÉON CHAMPY, FR. SCHOOFS, VAN DER BIEST-ANDELHOF, L. VAN LAERE KAJ OSCAR VAN SCHOOR

kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.

**Novembro-Decembro 1908.**

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : FR. 0,40.*

ANTVERPENO,
(Antwerpen — Anvers)

PRESEJO DE JOZ. BUERBAUM,
Moretuslei (Avenue Moretus), 60.

# Belga Ligo Esperantista.

## HONORA KOMITATO.

S^roj F. COCQ, Skabeno de Publika Instruado, Ixelles ;
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca lernejo, Antverpeno ;
D^ro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno ;
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons ;
Frato IZIDORO, de la Reĝa Instituto de Surd-mutuloj, Bruselo ;
Senatano LAFONTAINE, Bruselo ;
A. LECOINTE, honora ĉef-inĝeniero de la belga maristaro, Bruselo ;
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo, Bruselo ;
J. MASSAU, Profesoro ĉe la Universitato, Gento ;
MOURLON, Direktoro de la Geologia Ofico, Bruselo ;
O. ORBAN, Profesoro ĉe la Universitato, Lieĝo ;
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

## ĈIUJARA KOTIZAĴO :

*(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE. — COTISATION ANNUELLE) :*

| | |
|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | Fr. 1.00 |
| Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) | Fr. 10.00 |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs | Fr. 25.00 |

BIJVOEGSEL AAN
SUPPLÉMENT A **BELGA ESPERANTISTO,**
Nov.-Dec. 1908.

# *Al Sinjoro Osc. Van Schoor,*

**20, Vondelstraat, (Rue Vondel)**
**ANTWERPEN (ANVERS).**

*Mi, subskribinto, abonas la revuon* ***"BELGA ESPERANTISTO"*** *kaj sendas samtempe la abonprezon fr. 4,00* (*) *(Belglando), fr. 4.50* (*) *(Eksterlando) per mandato,* (*), *ĉeko* (*).

SUBSKRIBO :

..................................................................................................................

ADRESO :

..................................................................................................................

..................................................................................................................

..................................................................................................................

.................................................., *la* .......... *19* .......... .

(*) *Oni elstreku la nebezonajn informojn.*

Al la esperantistaj grupoj estas prezentataj la jenaj rabatoj :
Por almenaŭ 15 abonoj . . . . Fr. 1.—
» » 50 » . . . . . Fr. 1.50
kondiĉe que la grupoj faru la mendojn kaj prizorgu la pagon.

zwischen Seite 1 und ersten Umschlagblatt

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

redaktita de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, L. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

1a JARO. NOVEMBRO-DECEMBRO 1908. 1-2a NUMERO.

**ABONPREZO :**

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.—(Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 4.50(Sm. 1.80) |
| Unu numero . . | Fr. 0 40(Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



## NIA PROGRAMO.

Ni havas la honoron prezenti al niaj estimataj gelegantoj novan ĵurnalon, kiun ni nomis « Belga Esperantisto ».

Por komprenigi la celon kaj la rolon de « Belga Esperantisto », ni opinias ke decas klarigi ĉi tie kiuj ni estas kaj el kie ni venas.

***

Ni estas esperantistoj, konvinkitaj admirantoj de la Esperanto de Dro Zamenhof kaj de nenia alia ;

de Esperanto, tiu klara kaj preciza idiomo per kiu, jam de pli ol dudek jaroj, ĉiuj popoloj de l' mondo sukcesis interkompreniĝi;

de Esperanto, la tutmonda lingvo, ŝatata kaj uzata de jam miloj kaj miloj da homoj ;

de Esperanto, kiu permesis dum kvar kongresoj al potenca amaso da partoprenintoj, alvenintaj el ĉiuj partoj de l' mondo, perfekte interparoli, vivi ĝis tiam nekonitan vivon, kunigi iliajn klopodadojn por la sama homama celo ;

de Esperanto, kiu kondukis al la nekomparebla sento de kunfrateco, nomita kaj difinita de D[ro] Zamenhof mem ESPERANTISMO, en lia belega parolado je la malfermo de la Kongreso de Cambridge.

Jen kiuj ni estas.

Antverpeno estas la urbo, kie en Belglando Esperanto la plej sukcese floradas, la naskejo de la Belga Ligo Esperantista, la urbo, kie okazos la Kongreso en 1910.

Nia revuo estas la ido — oni ne konfuzu kun Ido — de la Antverpena esperantista samideanaro. Ĝi estas la infano de tiuj, kiuj jam de ses jaroj senlace bataladas por la disvastigado de la bela lingvo de Zamenhof.

***

Oni povas diri ke de du jaroj, nia lando ne plu havas ESPERANTISTAN ĴURNALON.

Tio decidigis nin aperigi « Belga(n) Esperantisto(n) ».

Nia intenco ne estas malfermi niajn kolonojn al la diskutado kontraŭe aŭ favore al ŝanĝoj proponitaj aŭ proponotaj, rilataj al nia lingvo; nia sincera opinio estas ke nur la Lingva Komitato kaj la Akademio, elektita el ĝi, havas la kompetentecon por decidi pri lingvaj demandoj.

Nia ĵurnalo ne estos batalanta organo: paceme ni direktos niajn rigardojn al la Verda Stelo kiu brilegadas super la altega Zamenhofa lumturo; tiu stelo inspiros al ni la necesan fidon kaj forton por plenumi inde nian taskon, por ageme kunlabori al la triumfo de Esperanto.

***

Se ni konfesas tie ĉi nian plenan fidon en nia kara kaj genia Majstro kaj en la esperantista estraro, nome la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, ni deklaras ankaŭ ke ni faras tion sen fanatikismo.

Ni tute ne volas haltigi la progreson, ĉar se Esperanto estas admirinda kreitaĵo, ĝi estas, kiel ĉio sub la suno, perfektigebla. Sed ni tute ne povas aprobi ke, sub preteksto de progreso, nia lingvo estu anstataŭata per malinda plagiato, per kiu kelkaj ambiciuloj volas rabi la gloron de nia granda Majstro.

Nia ĵurnalo estos por nia legantaro informilo pri la tutmonda esperantista movado; kompreneble ĝi estos precipe bonega ligilo inter la belgaj grupoj. Dankeme ni akceptos de ili ĉiujn informojn kaj ni petas afable ilian ŝatindan kunlaboradon kaj apogon.

« Belga Esperantisto » klopodos por interesi sian legantaron per la bona elekto de sia enhavo. Ĝi enpresos se eble ĉiumonate unu el la produktoj de la Belga literaturo; laŭvice ĝi prunte-

prenos de la literaturistoj kiuj uzas la Flandran kaj de tiuj kiuj uzas la Francan lingvon.

Ĝi ne forgesos la komenculojn kaj publikiĝos regule paĝon pri « Esperanto facila ».

***

Kaj nun, antaŭen !

Kuraĝe ni komencas la laboron por atingi la de ni priskribitan celon, rememorante ĉiam la devizon de nia lando :

UNUECO DONAS FORTECON !

Léon Champy.

---

# Parolo de Dro L. L. Zamenhof

ĈE LA MALFERMO DE LA

## KVARA ESPERANTISTA KONGRESO.

Sinjorinoj kaj Sinjoroj,

Aperante antaŭ vi kiel tradicia malfermanto de la esperantistaj kongresoj, mi permesas al mi antaŭ ĉio esprimi la plej respektan dankon de nia kongreso al Lia Regnestra Moŝto la Reĝo Frederiko-Aŭgusto de Saksujo por la granda honoro, kiun li faris al ni, prenante sur sin la altan protektadon de nia kvara kongreso. Mi esprimas ankaŭ profundan dankon de nia kongreso al Sinjoroj la Ministroj kaj aliaj eminentaj personoj, kiuj bonvolis eniri en la honoran prezidantaron kaj honoran komitaton de nia kongreso. Mi esprimas ankaŭ nian dankon al tiuj landoj, kiuj sendis al nia kongreso oficialajn delegitojn, kaj al la alilandaj konsuloj, kiuj honoris nin per la reprezentado de iliaj landoj ĉe nia malferma kunveno. Nun la unuan fojon nia kongreso aperas sub la oficiala sankcio de regnestro kaj registaro; mi estas certa, ke la Esperantistoj alte taksos la gravecon de tiu ĉi fakto; mi esperas, ke ĝi estos komenco de tiu nova tempo, kiam nia ideo ĉesos esti pennado de nur privataj personoj, sed ĝi fariĝos grava tasko por la registaro de la mondo.

En la nomo de la kvara tutmonda esperantista kongreso mi salutas la landon germanan, kies gastoj ni ĉiuj estas en la nuna momento; precipe mi salutas la Saksan reĝlandon, kiu al ni, filoj de la plej diversaj landoj kaj gentoj, aranĝis belan akcepton en sia centro mem, en sia fama kultura ĉefurbo. Mi esprimas nian

koran dankon al la Saksa registaro kaj precipe al la Dresdena urbestraro por la tuta helpo, kiun ili donis al nia kongreso, kaj por la saluto, kiun ili aŭdigis al ni per siaj estimataj reprezentantoj.

Fine mi esprimas, certe en la nomo de ĉiuj esperantistoj, nian koran kamaradan dankon al niaj germanaj samideanoj kaj antaŭ ĉio al nia Kvaro por la Kvara, kiuj prenis sur sin la malfacilan taskon aranĝi nian kongreson ĝuste en ĉi tiu jaro, kiam ekzistis tiom da malhelpoj, kaj kiuj, dank' al sia granda sindoneco, aranĝis ĉion en la plej bona maniero kaj enskribis per tio tre gravan paĝon en la historion de nia afero.

Germanujo, la lando de la filozofoj kaj poetoj, kiu estis iam la centro de la humanistoj, havas por nia ideo specialan signifon per tio, ke en ĉi tiu lando, dank' al la neforgesebla granda merito de la pastro Johann Martin Schleyer, nia ideo ricevis sian unuan disvolviĝon kaj la unuan potencan puŝon antaŭen. Germanujo sekve estas la lulilo de la ideo de lingvo internacia. Ni, speciale esperantistoj, havis ankaŭ en Germanujo niajn unuajn plej gravajn batalantojn, Einstein kaj Trompeter. Estas vero, ke poste en la daŭro de tre longa tempo nia ideo en ĉi tiu lando ŝajnis tute mortinta; sed en la lastaj jaroj ĝi tie ĉi denove vigle reviviĝis, kaj ni havas plenan esperon, ke post nia nuna kongreso, kiam la Germanoj ekkonos nin pli proksime kaj konvinkiĝos per siaj propraj okuloj kaj oreloj, ke ni ne estas iaj teoriaj fantaziuloj, nia afero ĉi tie ekfloros ne malpli potence, ol en la aliaj grandaj landoj, kaj en la komuna ĉiuhoma afero Germanujo baldaŭ okupos unu el la plej honoraj lokoj.

Karaj Samideanoj!

En la daŭro de la lasta jaro en nia afero okazis faktoj, kiuj maltrankviligis por iom da tempo la mondon esperantistan. Nun ĉio jam denove trankviliĝis. Nia arbo, pri kiu mi parolis en Kembriĝo, en la pasinta jaro plej konvinke montris sian tutan fortecon kaj sanecon, ĉar malgraŭ la tute ne atenditaj atakoj, kiuj en la daŭro de kelka tempo kaŭzis grandan krakadon, la arbo konservis sian tutan potencon kaj perdis nur tre malmultajn foliojn. Malgraŭ la kaŝite preparitaj kaj rapide plenumitaj atakoj, kiuj ne donis al niaj soldatoj la povon dece orientiĝi kaj interkomunikiĝi, ĉiu el ili sur sia aparta loko staris forte kontraŭ ĉiuj forlogoj, kaj nur tre malmultaj lasis sin kapti per lertaj vortoj. Super la okazintaj faktoj ni povus sekve silente transiri al la tagordo. Tamen, por gardi niajn venontajn batalantojn kontraŭ similaj surprizoj, mi permesos al mi diri kelke da vortoj pri tiu temo. El la tempo pasinta ni ĉerpu instruon por la tempo venonta.

Pasis jam ĝuste tridek jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis antaŭ malgranda rondo da amikoj; pasis jam dudek unu jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis publike

antaŭ la mondo. Tre malforta ĝi estis en la unua tempo; ĉiu plej malgranda bloveto povis ĝin renversi kaj mortigi; ĉiu bona vorto de la plej sensignifa homo aŭ de la plej senvalora gazeto donis al niaj pioniroj esperon kaj kuraĝon; ĉiu atakanta vorto kaŭzis al ili doloron. Kiam antaŭ dudek jaroj la Amerika Filozofia Societo volis preni la aferon de lingvo internacia en siajn manojn, tio estis por la aŭtoro de Esperanto tiel altega kaj neatingebla aŭtoritato, ke li, kiu tiam havis ankoraŭ la rajton disponi pri Esperanto, tuj decidis fordoni ĉion al la manoj de tiu societo, ĉar, estante tute sensperta, li tiam ankoraŭ ne sciis, kia grandega diferenco estas inter teorio kaj praktiko.

Feliĉe la entrepreno de la Amerika societo ne sukcesis. Mi uzas la vorton «feliĉe», ĉar efektive nun, kiam mi estas pli sperta, por mi estas afero tute senduba, ke, se la entrepreno de tiuj teoriistoj daŭrus iom pli longe, la tuta ideo de lingvo internacia jam de longe estus tute senkreditigita kaj enterigita por ĉiam, aŭ almenaŭ por tre longa, longa tempo.

Niaj pioniroj laboris, kaj la afero kreskis. Baldaŭ ni ĉiam pli kaj pli akiradis la konvinkon, ke de teoriistoj ni devas atendi tre malmulte da bono por nia afero; ke ĉiuj laŭdoj kaj mallaŭdoj de flankaj personoj havas por ni nur tre malgrandan signifon; ke ni devas fidi sur niajn proprajn fortojn, nian propran paciencon kaj konstantecon; ke la mondo venos al ni nur tiam, kiam ĝi vidos en ni potencon, kiam ĝi vidos, ke ni ne palpas en mallumo, ke ni ne perdas hodiaŭ, kion ni akiris hieraŭ, ke nia vojo estas klara kaj rekta kaj ni de ĝi neniam deflankiĝas.

Sed ne per unu fojo ni venis al tiu fortika konvinko. En la unua tempo, vidante ke nia afero progresas tre malrapide kaj malfacile, multaj esperantistoj pensis, ke la kaŭzo de tio kuŝas en nia lingvo mem, ke, se ni nur ŝanĝos tiun aŭ alian detalon, la mondo tuj venos al ni en granda amaso. Tiam venis la periodo de la granda postulado de reformoj. Feliĉe tiu periodo daŭris ne longe. La esperantistoj baldaŭ konvinkiĝis, ke veni al ia komuna, ĉiujn kontentiganta kaj silentiganta interkonsento pri la esenco de la reformoj estas tute ne ebla, kaj la ekstera mondo, kiun la reformuloj celis, restis absolute indiferenta koncerne tion, ĉu tiu aŭ alia detalo havas en nia lingvo tian formon aŭ alian; oni baldaŭ konvinkiĝis, ke per reformado ni nur perdos ĉion ĝis nun akiritan kaj gajnos absolute nenion. Tiam la esperantistoj firme decidis ne paroli plu pri iaj reformoj. Kelkaj tre malmultaj malkontentuloj forlasis Esperanton kaj kune kun kelkaj ne-esperantistoj, kiuj rigardis sin kiel plej kompetentajn en la afero de lingvo internacia, komencis inter si ĝis nun ankoraŭ ne finiĝintan kaj neniam finiĝontan diskutadon pri diversaj lingvaj demandoj, kaj ili staras nun sur tiu sama punkto, sur kiu ili staris antaŭ dekkvar jaroj. La tuta cetera esperantistaro en plena harmonio forte grupiĝis ĉirkaŭ sia konstanta standardo kaj faris de tiu tempo grandan, grandegan marŝon antaŭen.

De la tempo, kiam la esperantistoj ĉesis paroli pri reformoj, komenciĝis por Esperanto periodo ĉiam pli kaj pli brilanta. En la komenco, sub la premo de tre grandaj malhelpoj eksteraj, ni progresadis tre malrapide kaj malfacile. Sed sub la influo de nia plena interna harmonio kaj nia nedekliniĝa irado rekte antaŭen, niaj fortoj ĉiam pli kaj pli kreskis. Nun ni atingis tian potencon, pri kiuj multaj el ni antaŭ dek jaroj ne kuraĝis eĉ revi, kaj se ni marŝos en tia sama harmonio kiel ĝis nun, nenia forto en la mondo povas haltigi nian iradon, kaj ni plene atingos nian celon; ĉiuhore kreskas la nombro de niaj partianoj, ĉiutage pligrandiĝas la nombro de niaj grupoj. Nia literaturo kreskas tiel senhalte kaj rapide, ke multaj malgrandaj nacioj jam nun povas nin envii. La praktika uzado de nia lingvo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Dum ankoraŭ ne longe oni tute silentis pri ni kaj poste oni nin mokis, nun oni jam ĉie nin respektas, kiel grandan potencon. Eĉ tiuj niaj principaj kontraŭuloj, kiuj antaŭ ne longe malŝate rigardis nin de alte, nun jam krias alarmon.

Nia lingvo mem konstante pli riĉiĝas kaj elastiĝas. Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortikiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble. Nenie montriĝas ia diferenciĝado de nia lingvo laŭ la diversaj landoj, kaj ju pli spertaj fariĝas la aŭtoroj, despli similiĝas reciproke ilia uzado de nia lingvo, malgraŭ la granda malproksimeco de iliaj lokoj de loĝado. Nenie rompiĝas aŭ difektiĝas la kontinueco inter la lingvo malnova kaj nova, kaj malgraŭ la fakto, ke nia lingvo forte disvolviĝas, ĉiu nova esperantisto legas la verkojn de antaŭ dudek jaroj kun tia sama perfekta facileco, kiel esperantisto tiutempa, kaj li eĉ ne rimarkas, ke tiuj verkoj estas skribitaj ne nun, sed en la unua, suĉinfana periodo de nia lingvo.

Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, — oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado de nia lingvo aŭ ne. Se iu glornoma persono en plena nesciado de nia afero esprimas iun el tiuj sensencaĵoj, kiujn ni jam tiel ofte aŭdis, ekzemple, ke arta lingvo estas utopio, ke la esperantistoj sin reciproke ne komprenas, k. t. p., aŭ se li, forgesante la nunan staton de Esperanto kaj la teruran ekzemplon de la Volapüka akademio, postulas, ke ni rebaku la tutan lingvon laŭ lia teoria recepto, — tiam ni, esperantistoj, indiferente ĉion aŭskultas kaj trankvile iras nian vojon.

Ne por fieri pri nia forteco mi diras ĉion ĉi tion: neniu el ni havas la rajton esti fiera, ĉar nia forteco ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multejara pacienca laborado de *multo* da personoj. Mi volis nur atentigi vin pri tio,

ke en nia afero ĉio povas esti atingita nur per harmonio kaj konstanteco. Se nin ne gvidus fera konstanteco, nia lingvo jam de longe ne ekzistus, kaj la vortoj « lingvo internacia » estus la plej granda mokataĵo por la mondo.

La longa kaj malfacila batalado nin hardis, kaj ne sole la voĉoj de apartaj personoj, sed eĉ la premo de ia granda potenco nun jam ne povus deklini la esperantistaron de ĝia klara kaj rekta vojo. Kia do estas la kaŭzo, ke en la pasinta jaro en nia tendaro subite naskiĝis tia granda vento, kiu en la daŭro de momento minacis alporti al ni tiom da malbono? Kiu estis tiu ŝajne grandega forto, kiu por momento enportis tian neatenditan konfuzon en nian mezon? Nun, kiam ĉio jam klariĝis, ni povas konfesi, ke ĝi ne estis ia eksterordinare granda potenco, ĝi estis simple kelkaj malmultaj personoj; sed la danĝereco de ilia atako konsistis en tio, ke tiu atako ne venis malkaŝe el ekstere, sed ĝi estis kaŝite preparita kaj tute neatendite aranĝita *interne* de nia tendaro.

Ĝi estas historio, pri kiu mi ne volas paroli. Nun mi volas nur diri jenon: ni ĉiuj estas reprezentantoj de la ideo de lingvo internacia, ni faru kun ĝi, kion ni volas, sed ni agu honeste kaj ni memoru, ke pri niaj agoj la estonteco severe nin juĝos. Memoru, ke Esperanto estas nenies propraĵo, ke la esperantistoj havas plenan rajton fari kun ĝi ĉion, kion ili volas, se ili nur faros ĝin singarde, lojale kaj interkonsente. Nur por gardi nian lingvon kontraŭ anarĥio de la flanko de apartaj personoj, nia lingvo havas sian plej senpartie elektitan kaj el plej kompetentaj personoj konsistantan kaj konsistontan Lingvan Komitaton, kiu, dependante de neniu mastro, havas plenan rajton kaj plenan povon esplori kaj prezenti al la sankcio de la esperantistaro ĉion, kion ĝi volos. La Bulonja Deklaracio malpermesas nur, ke apartaj personoj rompu la lingvon *arbitre*, ĝi estas kreita nur por gardi la ekstreme necesan *kontinuecon* en nia lingvo. Se iu el vi trovas, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnos al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta esperantistaro; ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povas malutili al nia tuta afero; ĉar vi ĉiuj konfesas ke la esenco de nia lingvo estas ĝusta kaj oni povas disputi nur pri detaloj, tial ĉio bona kaj ĉio efektive necesa povas facile esti farata en ĝi per vojo lojala, en harmonio kaj paco.

La personoj, kiuj volas altrudi al la tuta esperantistaro siajn dezirojn, diras ordinare, ke ili havas la plej bonajn ideojn, kiujn la plimulto da esperantistoj certe aprobus, sed iaj ĉefoj ne volas ilin aŭskulti kaj ne permesas al ili prezenti siajn ideojn por esplorado. Tio estas ne vera. Vi scias, ke laŭ la nova ordo, kiu per komuna voĉdonado akceptis por si nia Lingva Komitato, ĉiu

homo ne sole havas la rajton prezenti al la Komitato siajn proponojn, sed se la propono havas eĉ nur plej malgrandan ŝajnon de seriozeco, se inter la cent membroj de la Komitato la propono akiris por si eĉ nur la aprobon de *kvin* personoj, tio jam sufiĉas, ke la Lingva Komitato estu *devigata* esplori tiun proponon. Vi vidas sekve, ke neniu povas plendi, ke oni lin ne aŭskultas aŭ ke iaj ĉefoj prezentas al voĉdonado nur tion, kion *ili* deziras.

Se iu diras al vi, ke oni devas ĉion krude rompi, se oni per ĉiuj fortoj kaj per ĉiuj eblaj rimedoj penas malkontentigi vin; se de la vojo de severa unueco de tiu sola vojo, kiu povas konduki nin al nia celo, oni penas forlogi vin, — tiam gardu vin! tiam sciu, ke tio kondukas al malordigo de ĉio, kion multaj miloj da personoj atingis por la granda ĉiuhoma ideo por multejara pacienca laborado.

Mi finis. Pardonu al mi la malagrablan temon, kiun mi elektis; ĝi estas la unua kaj espereble ankaŭ la lasta fojo en la historio de niaj kongresoj. Kaj nun ni ĉion forgesu; ni komencu la grandan feston, por kiu ni ĉiuj kunvenis el la diversaj landoj de la mondo; ni ĝoje pasigu nian grandan ĉiujaran semajnon de la pure homara festo. Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro. Por ni estas grava ne iaj bagatelaj detalaĵoj de nia lingvo, sed ĝia esenco, ĝia ideo kaj celo, tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa *vivado*, pri ĝia senhalta *kreskado*. Granda estas la diferenco inter homo-infano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank' al nia diligenta gardado, la lingvo fortike vivos, malgraŭ ĉiuj atencoj, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj niaj nepoj benos nian paciencon.

---

# KURAĜIGAĴOJ.

Estis por ni granda honoro kaj granda ĝojo ricevi la sekvantajn leterojn.

Ni konsideras ilin kiel la certigon pri la neceseco de la kreo de nia organo, kiel la aprobon de nia programo kaj kiel ateston pri fido en la redaktoraro de « Belga Esperantisto ».

Tutkoran dankon al niaj estimataj korespondantoj.

## LETERO DE D^ro ZAMENHOF.

Varsovio, 9 X. 1908.

*Karaj Sinjoroj!*

Via sciigo pri la baldaŭ aperonta « Belga Esperantisto » estis por mi tre

agrabla novaĵo. Mi sendas al la nova organo mian sinceran gratulon kaj deziron de plej bona prosperado.

Mi ĝojas, ke por niaj belgaj amikoj baldaŭ malaperos la malbona sonĝo, kiu turmentis ilin en la daŭro de tuta jaro; ke ili baldaŭ havos denove organon vere kaj klare esperantistan, kiu firme kaj senŝanceliĝe kondukados ilin laŭ tiu rekta vojo, kiun la esperantistaro en plena unueco iras jam pli ol 20 jarojn, — organon, kiu plu ne penados fortiri ilin de nia armeo, sed konstante instruados al ili severan disciplinon, obeon kaj estimon por nia komuna standardo.

Nian grandan kaj gravan celon ni povos atingi nur per unueco, per unueco, per unueco!

Mi esperas, ke tiuj nemultaj belgaj amikoj, kiuj forlasis nian komunan vojon, baldaŭ komprenos, kian malutilon ili per sia agado alportas al nia ideo, kaj ili noble kaj kuraĝe tion konfesos; kaj nun, kiam la opinio de la esperantistaro estas jam senduba, ili submetos siajn personajn opiniojn kaj dezirojn al la opinio kaj postuloj de la plimulto kaj montros, kiel agas honestaj kaj bravaj batalantoj por granda ideo.

L. L. Zamenhof.

---

## LETERO DE S^ro^ E. BOIRAC.

### Prezidanto de la Lingva Komitato kaj de la Akademio Esperantista.

Dijon, la 13^an^ de Oktobro 1908.

*Altestimataj Sinjoroj,*

Kun granda ĝojo mi eksciis la gravan kaj kuraĝan decidon de la Belga Ligo, per kiu ĝi aperigis al la Esperantistaro siajn verajn sentojn kaj sin definitive remetis en la unuajn rangojn de la batalantoj por nia afero. Oni ripetadis al mi, ke Belgujo deziras deflankiĝi de nia komuna vojo kaj sekvi novan standardon; sed vi provis evidente, ke tio ĉi ne estas vera, kaj ke vi kontraŭe obstinas resti fidelaj al la feliĉe elprovita kaj ĉiam vivanta kaj kreskanta Zamenhofa Esperanto. Pro tio ĉi, kun ĉiuj Esperantistoj, mi vin gratulas kaj deziras plenan sukceson al via baldaŭ naskota « Belga Esperantisto ».

E. Boirac,

---

## LETERO DE S^ro^ CARLO BOURLET,

### Prezidanto de la Grupo Esperantista de Parizo, Direktoro de « La Revuo ».

Parizo, la 11^an^ de Oktobro 1908.

*Karaj Samideanoj,*

La sciiĝo de la baldaŭa apero de nova monata revuo belga, pure esperantista, kaŭzis al mi tre grandan ĝojon. Ne nur mi deziras al via gazeto belan sukceson, sed mi certe, per ĉiuj miaj fortoj, klopodos por diskonigi ĝin kaj altiri al ĝi abonantojn.

Dum la lastaj tempoj kelkaj kondukantoj de la Esperanta movado forlasis nian verdan standardon, provante forlogi siajn soldatojn. Ili ne komprenis, ke jam de longe Esperanto estas nenies propaĵo, ke ekzistas nun VERA

POPOLO ESPERANTISTA, kies lingvon oni ne pli povas subite ŝanĝi ol oni povas aliformigi ilian nacian lingvon.

Ili ne komprenis, ke ŝajna *teoria* plibonigo povas esti *praktika* difekto, ke la unua kaj ĉefa supereco de Esperanto estas ĝia elasteco, kiu donis al ĝi la vivon. Ili ne komprenis, ke la genio de Zamenhof konsistas precipe en tio, ke li ne tro severe enkatenis sian lingvon en rigidaj reguloj, ke li lasis al ĝi liberecon kaj sekve artecon.

Kaj tiel ili falis en gravan eraron.

Sed en ambaŭ niaj landoj la popola saĝeco kontraŭstaris la frenezecon de la kondukantoj, kaj ĝis venos la tempo, kiam niaj erariĝintaj samideanoj malblindiĝos, ni devas ilin forlasi.

« Belga Esperantisto » estos defendanto de la vera Vero, kaj tuj grupigos ĉirkaŭ si la Esperantistojn en via lando.

Ĝi montras al ni, Francoj, la ĝustan vojon, kaj mi kore esprimas la deziron, ke baldaŭ aperu ankaŭ iu « Franca Esperantisto », gazeto kiu kunfrate laborados kun la via en niaj du landoj.

Sincere via

C. Bourlet.

---

## LETERO DE S^ro^ K. BEIN,
## Vicprezidanto de la Esperantista Akademio.

Varsovio, 11 X. 1908.

*Estimataj Sinjoroj Redaktoroj,*

Mi kore dankas vin pro la afabla sciigo pri la fondo de « Belga Esperantisto » kaj kun plej sinceraj deziroj de sukceso mi sendas malgrandan tradukon por via gazeto. Vivu, kresku, kaj floru « Belga Esperantisto » !

Kun tutkora manpremo,

K. Bein.

---

## LETERO DE S^ro^ KOLONELO JOHN POLLEN,
## Prezidanto de la « British Esperanto Association ».

London, 22^an^ de Oktobro 1908.

*Karaj kaj Altestimataj Sinjoroj,*

Mi tre ĝojas aŭdi pri via fideleco al la Zamenhofa Esperanto. Vi, Belgoj, estas praktikaj kaj honestaj homoj, kaj mi deziras por via nova monata revuo longan vivon kaj tre grandan sukceson.

Bonvolu akcepti, Altestimataj Samideanoj, mian koran saluton kaj kredu min ĉiam

Via fidela, (*)

J. Pollen.

---

(*) Pro manko de spaco ni devas prokrasti ĝis la apero de la numero 3a la enpresigon de leterojn ricevitajn de S^ino^ Rosa Junck, S^ro^ Dreves Uiterdyck, S^ro^ Ĉefeĉ, G^lo^ Sebert, S^ro^ Grabowski, k. c.

# Belga Ligo Esperantista.

## LA ĜENERALA KUNVENO DE LA 20a DE SEPTEMBRO LASTE.

La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista okazis la dimanĉon 20an de Septembro en la granda salono de la « Maison des Médecins » (Domo de la Medicinistoj), 17, Grand' Place en Bruselo.

Granda aro da liganoj ĉeestas, el ĉiuj regionoj de la lando alvenis delegitoj ; kun la Bruselanoj, la membroj el Antverpeno kaj Verviers estas multnombraj. Sro Massau, profesoro de la Universitato el Gand kaj Frato Izidoro, ambaŭ membroj de la Honora Komitato de la Ligo ankaŭ ĉeestas ; inter la bonekonataj membroj de la Belga samideanaro ni citos : Sro Centner, honora prezidanto de la Societo « Esperanto » el Verviers, Sro Rossignol, prezidanto de la Federacio de la Instruistoj, Sro G. Roy (franco) iniciatoro de la demando pri Neŭtra Moresnet, la prezidantoj de ĉiuj ligaj grupoj, k. c.

Sro Komandanto Ch. Lemaire prezidas.

Post aprobo de la protokolo de la kunsido de la 28a de Julio 1907, Sro Jos. Jamin, ĝenerala sekretario, legas la ĉiujaran raporton pri la agado de la Ligo kaj Sro J. Coox, administrantokasisto, prezentas la nunan situacion de la kaso de la Ligo.

Sro Van der Biest, vicprezidanto de la Ligo, prezentas la raporton pri la diplomoj, je l' nomo de la speciala komisio difinita por la akiro de la atesto pri profesora kapableco.

La gediplomitoj sin prezentas por ricevi tiun ateston kun gratulojn de la prezidanto, meze la aplaŭdoj de la ĉeestantaro.

Siavice la diversaj delegitoj de la grupoj raportas pri la agado de sia societo ; Sro Chalon je l' nomo de la grupo Pioniro (Bruselo), Sro Giminne, de la grupo Bonveno (Ikselo), Sro Mathieu, de la Societo « Esperanto » (Verviers), Sro Witteryck, je l' nomo de la Bruĝa grupo, kiu ankaŭ legigas protokolon de la citita grupo tute « fidelan », Sro Delvaux, de la Karloreĝa grupo kaj Sro Ch. Schriewer, je l' nomo de la grupo « Amikejo » el Neŭtra Moresnet.

La sesa temo de la tagordo estas la ekzameno de la nuna interna situacio de la Ligo kaj de la ĝenerala nuna situacio de la lingva demando.

La prezidanto, Klo Ch. Lemaire, deklaracias ke li deziras nepre repreni sian liberecon kaj ke la agoj de kelkaj grupoj,blinde konservatemuloj montras al li ke la revita unueco, por kiu li multe laboris, havas nenian ŝancon por sukcesi. Li skribis en Belga Sonorilo sub literoj B. S. serion da artikoloj, en kiuj li

montris ke, se Esperanto akceptus nur la logikajn regulojn pri deveno starigitajn de Sro Couturat, la interkonsento estus facila. Bedaŭrinde multaj samideanoj ne atentis tiun proponon kaj de nun li intencas esplori la plenan demandon pri la reformoj. Eĉ se lia intima konvinko ne estus jam plena, ĝi tuj pleniĝus post la decido de la Berlina grupo (de kiu decidon li legas) kaj de multaj grupoj en Francujo, Anglujo kaj Germanujo. Li decidis forlasi la prezidon de la Ligo kaj invitas Son Van der Biest anstataŭi lin.

Sro Van der Biest, vicprezidanto de la Ligo, prezidas.

Sro Massau, profesoro de la Universitato de Gand sciigas ke li estis Volapukisto kiam Esperanto aperis. Pri tio, la tiamaj fundamentistoj intencis silenti kaj nur sin okupis pri financaj aferoj, vendo de broŝuroj, libroj kaj ĵurnaloj; kiam li postulis de la ĉefoj kelkajn informojn, tiuj ĉi respondis ke Esperanto estas nur lingvaĉon kaj la tridek ĵurnaloj sin deklaris fidelaj ĝis morto; efektive baldaŭ ĉiuj mortis. Kaj nune, la sama okazo renoviĝas; Esperanto fariĝis financan aferon por multaj personoj ; post decido de la Delegacio, li ricevis el Genève avizon de Scienca Societo kiu decidis ke lingvo de la Delegacio estas lingvaĉo kaj li mem subsignis ateston pri tio. Hodiaŭ li klare vidas ke sama okazo ankaŭ renoviĝis, oni lin erarigis ; kaj tamen preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj ĵuras ke ili estos fidelaj ĝis morto ; baldaŭ ĉiuj mortos. Nenio povus haltigi la homan progreson.

Sroj Centner kaj Seynave, el Verviers, sciigas ke ekzameno de la reformaj proponitaj de la Delegacio estas necesa, oni ne povas stariĝi kontraŭ la progreso kaj la netuŝebleco de ia Fundamento aŭ de iaj doktrinoj, kiuj povus nur faligi nian kaŭzon. Sro Seynave sciigas ankaŭ ke li ne akceptos renovigon de sia mandato ĉe la Komitato. Saman deklaracion faras Fraŭlino Lecointe kaj Sro Jos. Jamin. Sro Luc. Blanjean, vicprezidanto de la Ligo estas ankaŭ malnova defendanto de la kaŭzo, li estis Volapukisto kaj certigas ke la Volapuk estis en plena sukceso kiam ĝiaj mallertaj direktantoj fariĝis necedemaj ; la disvastigado de la lingvo per libroj kaj ĵurnaloj estis tiel intensiva kiel la nuna Esperanta disvastigo ; li ankaŭ sciigas ke li ne povas antaŭeniri kontraŭ la progreson.

Sro Witteryck el Bruĝo, frato Izidoro kaj Sro Swagers el Antverpeno prezentas ankaŭ sian opinion. La debato estas iom konfuza. Sro Seynave proponas finon de la diskuto. Per voĉdono la kunsido decidas daŭrigon de la diskuto. Sro Swagers proponas decidon per kiu la Ligo akceptus la reformojn enkondukotajn de la Lingva Komitato kaj de la Akademio. Sro Blanjean proponas rompiĝon de la Ligo kiu permesos al ĉiuj iri sian vojon. Kelkaj personoj rimarkigas ke la propono de Sro Swagers akceptas iajn reformojn, sed la fundamento kaj ĝia fama netuŝebleco ne tion permesas. Fine, Sro Swagers redaktas novan proponon, kiu akceptas la reformojn naskigitajn de la evolucio de la lingvo difinota de la aŭtoritatoj.

Oni voĉdonas.

La propono de S$^{ro}$ Blanjean pri rompiĝo de la Ligo estas forĵetita per grava plimulto. La sama plimulto akceptas la proponon de deklaracio de S$^{ro}$ Swagers.

La sepa temo de la tagordo estas la baloto por elekto de ses membroj de la Komitato (art. 7$^{a}$ de la Regularo).

Fraŭlino E. Lecointe, S$^{roj}$ C. Lemaire, Luc. Blanjean, M. Seynave kaj Jos. Jamin ne akceptas novan mandaton.

Je l' fino de la kunsido, la ĉeestantaro elektas la sekvantajn membrojn, kiel komitatanojn :

S$^{ro}$ Raym. Van Melckebeke, el Antverpeno,
S$^{ro}$ Swagers, instruisto, el Antverpeno,
S$^{ro}$ O. Van Schoor, farmaciisto, el Antverpeno,
S$^{ro}$ L. Champy, inĝeniero, el Antverpeno,
S$^{ro}$ abato Austin Richardson, el Bruselo,
S$^{ro}$ Komandanto Duverdyn, el Bruĝo.

---

Ĉi supre ni enpresigis la raporton pri la lasta ĝenerale kunveno de la Belga Ligo Esperantista, raporton ŝuldatan al la servemo de S$^{ro}$ Jos. Jamin, kiu, ĝis la fino de la kunsido, konsentis funkciadi kiel sekretario.

Ĉar la debato estis tre agitata, kaj efektive diversfoje « iom konfuza », ni plene komprenas la malfacilon raporti detale pri ĝi, kaj ni eĉ bonvole senkulpigas la estimatan raportinton, ĉar li dediĉis nur tre malmultajn vortojn al tiuj anoj, kiuj ne ŝatas la reformojn laŭ Ido, raportante cetere amplekse pri la paroladoj de S$^{ro}$ K$^{to}$ Lemaire, Massau, Centner, Seynave kaj Blanjean.

Ni tamen bedaŭras la forgeson de la jena deklaracio de Sinjoro Witteryck : La Esperantistoj tute ne volas haltigi la progreson, sed ili nur akceptos tiujn ŝanĝojn, kiuj estas prezentataj de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, la solajn aŭtoritatojn en la Esperantistaro.

S$^{ro}$ Jamin ne akceptu malbone tiujn ĉi pripensojn.

La grandan signifon de la kunsido de la 20$^{a}$ de Septembro ni ne trovas en tio, kion oni tie diris, sed en tio, kion oni decidis.

Ni memorigu tiujn decidojn :

1$^{e}$ Per grava plimulto oni forĵetas la proponon de S$^{ro}$ Blanjean pri disigo de la Ligo;

2$^{e}$ La sama plimulto akceptas deklaracion de S$^{ro}$ Swagers, redaktitan sekve :

« La Belgaj Esperantistoj, aŭdinte la opinion de diversaj parol-
« intoj, rilate al reformoj pri Esperanto, deklaras, ke verki kaj
« enkonduki tiujn reformojn estas la tasko de la kompetentaj
« aŭtoritatoj, nome la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, en
« kiuj ili havas plenan fidon, — kaj decidas daŭrigi ageme la

« propagandon por la Zamenhofa Esperanto, kies evolucion « fiksos la diritaj aŭtoritatoj. » (*)

3e La kunveno elektas ses delegitojn, fidelajn al la nuna Esperanto, evolucionta kiel dirite.

Sekve de la supraj decidoj kelkaj membroj de la Komitato de la B. L. E., kiuj cetere jam de kelka tempo montris sian preferon por la projekto « Ido », forlasas « nian » Esperantan movadon, por serĉi laŭ alia vojo la solvon de la problemo de la lingvo internacia.

Ni plene respektas la opinion kiun ili libere kaj malkaŝe defendas, kaj nur povas esprimi la sinceran bedaŭron, kiun kaŭzas al ni ilia defalo.

La Redakcio de « Belga Esperantisto ».

---

# RAPORTO

**pri la ekzameno por la akiro de diplomo pri profesora kapableco,**

OKAZINTA JE DIMANĈO 12a DE APRILO 1908.

---

La ekzameno okazas en la sidejo de la « Poliglota Klubo », Ravensteinstrato en Bruselo, kaj komenciĝas je la 9a matene.

Sro Van der Biest-Andelhof prezidas la juĝantaron; li estas helpata de Sroj L.Blanjean,Dro R.Van Melckebeke kaj Jos. Jamin.

Laŭ la regularo, la ekzameno estas duobla.

La skriba akzameno, sen helpo de vortaro, estas kunmetita jene :

1e *Traduko* el Esperanto en nacia lingvo : Dix Conseils de Jefferson pour la vie pratique, (tien raadgevingen van Jefferson voor het practische leven). (La origina teksto en Esperanto troviĝas en « Unua legolibro » de Kabe, Paĝo 8a).

2e *Traduko* el nacia lingvo en Esperanto.

*La fiŝkaptado*, ĉerpita el la Bulonja kongresa libro (Paĝo 30).

3e. *Letero.* Skribi al via amik(in)o, ke vi vizitis en eksterlanda urbo kunvenon de la tiea esperantista grupo; donu detalojn pri via kora akcepto kaj pri la kunveno mem. (almenaŭ 15 liniojn).

La voĉa ekzameno okazas tuj post la skriba provo. Ĝi konsistas el legado, traduko en nacia lingvo kaj klarigo pri la vort-

(*) En nia proksima numero oni legu la artikolon « Interkonsento », de nia kunlaboranto Sro Frans Swagers, kiu klare montros, kiel la tuta Esperantistaro povas faciligi la evoluciigan laboron de la Akademio.

formado kaj gramatikaj malfacilaĵoj de deko da linioj el la rakonteto « Divido » (vidu Esperantaj prozaĵoj, P. 7.).

———

La juĝantaro interrompas la kunvenon je tagmezo, kaj daŭrigas ĝin je la 3a ptm.

La dua parto de la kunsido estas dediĉata al la didaktika parto de la ekzameno.

Kiel subjekto de la instruado la juĝantaro elektis la temon : Instruu pri la lokaj partikoloj *ie*, *kie*, *tie*, *ĉie*, *nenie*.

Post tiu ĉi lasta parto, kiu finiĝas je la 5a, la juĝantaro foriĝas por priparoli la rezultaton de la ekzameno. Ĝi decidas unuvoĉe ke ĉiuj kandidatoj sukcesis.

Jen iliaj nomoj :

Fraŭlinoj Celine Giffroid, Eugénie Gunzburg kaj Maria Posenaer el Antverpeno ;

Anna Guilliaume kaj Louise Hoffmann el Bruselo ;

Sinjorinoj Maria Claessens-De Deken el Antverpeno kaj Felicie Staes-Van der Voorde el Bruselo ;

Sinjoroj Victor Claessens kaj Rubin Untermann el Antverpeno.

Gratulante la novajn diplomulojn la prezidanto esprimas la deziron baldaŭ vidi ĉiujn kursojn instruatajn nur de profesoroj kiuj estos ricevintaj tiun ateston pri profesora kapableco.

Fine, Fraŭlino Gunzburg, kiel interpretantino de la novaj gediplomuloj adresas ĉarman dankan paroladeton al la ekzamenanta komisio.

*Bruselo, 20an de Julio 1905.*

Je l' nomo de la juĝantaro,
VAN DER BIEST-ANDELHOF.

---

## HET ESPERANTO IN DEN VREEMDE.

**NEDERLAND.** — De Nederlandsche esperantische vereeniging « la Estonto estas nia » heeft onder den titel « la Holanda Pioniro » een nieuw maandschrift uitgegeven.

Het eerste nummer, verschenen in October z. l., doet zich zeer netjes voor en bevat een zeer belangrijken inhoud.

De jaarlijksche abonnementsprijs voor het Buitenland is gl. 1.80 (Sp. 1.50). Adres der Redactie : M. J. De Haan, Binnen Bantammerstraat, 11, te Amsterdam.

## L'ESPERANTO A L'ÉTRANGER.

**PAYS-BAS.** — La société espérantiste néérlandaise « La Estonto estas nia », vient de publier, sous le titre « la Holanda Pioniro » une nouvelle revue mensuelle.

Le premier numéro, paru en octobre dernier a belle apparence et contient un texte très intéressant.

Le prix de l'abonnement annuel pour l'Étranger est fl. 1.80 (Sp. 1.50). Adresse de la Rédaction : M. J. De Haan, Binnen Bantammerstraat, 11, Amsterdam.

estos sendube baldaŭ imitata en Cambridge, kie multe da samideanoj fervore laboras por la disvastigado de Esperanto.

Mi forlasis Anglujon, tute feliĉa. Mi ĉie konstatis la progresadon de nia afero kaj precipe, la perfektan unuecon ĉe ĉiuj samideanoj. Por ili ekzistas nur unu lingvo internacia : la lingvo elpensita de nia kara majstro, D[ro] Zamenhof.

Mi revenis voje Calais, kie mi ĉeestis la kunvenon de la tiea grupo. Ĝia energia Vic-Prezidanto, S[ro] Perrin, laboras kun laŭdinda fervoro kaj nelacebla persisteco por diskonigi kaj disvastigi Esperanton. Mi parolis kun kelkaj samideanoj el Boulogne ĉ/M, kaj ĝoje sciiĝis la plenan resaniĝon de Sinjoro Michaux. La du tieaj grupoj frate kuniĝis por festi nian eminentan amikon. Do, la skismo, kiun anoncis kelkaj malbone informitaj esperantistoj (?), tute ne ekzistas. La urbo estas sufiĉe granda por enhavi du grupojn, kiuj cetere tre amike interkonsentas.

Austin Richardson.

---

# ESPERANTO FACILA.

## NIA NOVA REVUO.

— Bonan tagon, Karlo. Kiel vi fartas ?

— Tre bone, Henriko, mi dankas vin. Mi tre ĝojas (1) vin vidi.

— Mi venas al vi kun Belga Esperantisto. Estas bona amiko, kiu promesas viziti min ĉiumonate, por helpi min en mia lernado de Esperanto, kaj rakonti al mi novaĵojn el ĉiu parto de la mondo.

— Ĉu vi volas prezenti min al via amiko ? Sed mi ne vidas lin.... Kie li estas ?

— En mia poŝo. (Montrante) Jen !

— Ho, ho ! *La Belga Esperantisto !* Via amiko estas revuo.

— Jes, tutjuna revuo ; vi devas legi ĝin, Karlo. Vi ja petis konatiĝi (2) kun mia amiko.

— Sed mi ne estas sufiĉe lerta (3) por fari tion.

— Ne timu ! (4) Eklegu tiun ĉi fakon : *Esperanto facila.* Ĝi estas speciala verkita por komencantoj. Iom post iom vi ankaŭ legos aliajn artikolojn kaj fine vi estos sufiĉe lerta por konatiĝi eĉ kun la viglaj fremdlandaj fratoj de nia Belga infano, t. e. (5) kun *la Germana Esperantisto*, *la British Esperantist* kaj ĉiuj aliaj.

---

Klarigoj : (1) Ĝoj-i, zich verheugen, se réjouir. — (2) Konat-iĝi, kennis maken, faire la connaissance. — (3) Lerta, behendig, habile. — (4) Timi, vreezen, craindre. — (5) Tio estas, dat is, c'est-à-dire.

— Vi estas bona propagandisto por Esperanto. Nun diru al mi, kie mi povas aĉeti la Belgan revuon.

— Mendu ĝin en iu ajn (1) bona ĵurnalvendejo ; la prezo estas tre malalta, nur 40 centimoj po unu numero. Abonu ĝin, aŭ pli bone, aliĝu al nia loka grupo, tiel vi ricevos senpagan abonon.

— Mi dankas vin pro via konsilo.

— Mi jam volas lasi al vi tiun ĉi numeron pruntedone. Ne forgesu rikomendi nian revuon al viaj amikoj. Adiaŭ, Karlo !

— Ĝis baldaŭa revido, Henriko !

Fr. Sw.

(1) Iu ajn, gelijk welk, n'importe quel.

---

# AMIKEJO.

Mi hodiaŭ komencas serion da artikoloj pri Amikejo (Neŭtra Moresneto).

En la unua mi pritraktos la landon kaj la homojn, en la dua mi diros tion kion ni celas per Amikejo kaj kion ni jam efektivigis, en la tria mi detale priskribos nian nunan agadon, kaj post la tria mi faros planon por tri novaj artikoloj.

## I. — LANDO KAJ HOMOJ.

Pri la lando mem mi jam skribis kaj diris multe. Min pardonu la samideanoj kiuj jam estas sufiĉe informitaj. Ili trovos espereble tie ĉi ankoraŭ novaĵojn.

Neŭtra Moresneto estas malgranda neŭtra teritoria, 337 hektara, triangulforma, kunlima de Belgujo, Germanujo kaj Holando. La traktato de la 9a de junio 1815 decidis ke tiu landeto dziregata de la ĉirkaŭkuŝantaj ŝtatoj pro ĝiaj riĉaj zinktavolaĵoj restos neŭtra.

Neŭtran Moresneton administras registaro da unu estro kaj dek konsilantoj. Uziĝas la napoleona leĝaro, sed la procesoj povas plediĝi antaŭ la belgaj aŭ la prusaj juĝejoj. La junuloj kies familioj sidas en Neŭtra Moresneto de dato antaŭanta 1816, t. e. la vere Neŭtranoj, ne estas soldatoj. La aliaj servadas en Belgujo aŭ Germanujo.

El kie venas la intereso de la Esperantistoj al Neŭtra Moresneto ? Precipe el ĝia kuŝeco, poste el ĝia neŭtraleco.

1e. Amikejo kunlimas kun tri nacioj kaj estas proksima de Francujo.

Tiu kunlimo estas eble unuspeca en la mondo, je la loko nomita « kvarŝtonoj », sur la plej alta monto de Holando, meze

de agrabla arbaro staras efektive kvar ŝtonoj kien ekskursadas centoj da Holandanoj, Belgoj, Germanoj, Neŭtranoj kaj aliaj nacianoj, kvar homoj povas ĉirkaŭi la kvar ŝtonojn kaj formi tiel internacian rondon. En la lasta somero multaj diverslandanaj esperantistoj faris rondajn, turnantajn, kantantajn rondojn ĉirkaŭ tiu limŝtonaĵo, dum la blanka-verda standardo ondiĝis meze de ili. Ĉe la kvar ŝtonoj iu iam demandas : ĉu vi konas la tunelon kiu trapasas kvar landojn kaj estas unu el la plej mallongaj de la mondo ? La dirita tunelo kuŝas sub la kvar ŝtonoj. Stanga kunlimaĵo ! Sub ĝi en la tero vojaĝadas internacianoj, sur ĝi rondturnadas internacianoj, super ĝi en la aero, ĉe la vidturo internacianoj rigardadas al ĉiuj landoj, kiujn simbolojn vi trovas en tio ĉi ? Aldonu ke en la kvarŝtona restoracio internacianoj manĝadas kun granda apetito.

2e. Amikejo estas apud la krucpunkto de la ĉefaj fervojoj de la tero, de la fervojo kiu interligas Lisboaon, Madridon, Parizon, Berlinon, Peterburgon kaj de la fervojo kiu interligas Konstantinoplon, Wienon, Bruselon, Londonon.

En la restoracio de sinjoro Bergerhoff, sidejo de la Amikeja grupo, la 7an de Aŭgusto 1908 ni estis 12 kunmanĝantoj kiuj riprezentis 12 diversajn naciojn : 1 Belgino, 1 Germano, 1 Holandano, 1 Franco, 1 Anglo, 1 Svedo, 1 Dano, 1 Hispano, 1 Aŭstrino, 1 Rusino, 1 Italo, 1 Neŭtrano. Ne Esperanto estis kunveniginta nin, sed nur la okazo, kaj la hotelmastro diris ; « tio ĉi estas ofta en la somero, kelkafoje pli ol 12 nacioj riprezentiĝas ». Tio ne estas mirinda se oni konsideras ke Amikejo ne nur kuŝas apud la krucpunkto de la plej grandaj internaciaj fervojoj sed ankaŭ estas antaŭurbo de Aacheno,banurbo vizitata de ĉiulandanoj en la monatoj Aŭgusto kaj Septembro.

3e.Amikejo estas en la regiono plej industria de la mondo,diras la fama franca geografisto Vidal-Lablache. Facile oni pri tio konvinkiĝas memorante ke flanke de la neŭtra teritorio kuŝas Charleroi,Liége,Verviers,Dusseldorf,Elberfeld,Barmen. Precize el la densaj fumoj kiuj mallumigas kaj malpurigas kelkajn el tiuj urboj eliris, kiel mi ĝin montros en unu el la sekvontaj artikoloj, originala rimedo algajni la intereson de la industriistoj por Esperanto.

4e. Amikejo estas en la regiono plej komerca de la mondo,ĉar tiu regiono estas la plej industria kaj la kiel plej eble proksima de Londono, Antverpeno, Hamburgo.En kelkaj horoj oni iras el Amikejo al la tri ĉefaj havenoj de la kontinento.

5e. Amikejo estas neŭtra.Dank' al tio ĝi taŭgas por internaciaj, nenaciaj, homaj celoj, tutsame kiel la neŭtra lingvo. Kiuj estas tiuj internaciaj, nenaciaj, neŭtraj, homaj celoj mi diros en la dua artikolo.

La 5 supraj tialoj decidigis multajn esperantistojn por Amikejo. Efektive, demandu leŭtenanton Giminne, komercovojaĝistan Ullmann, demandu doktoron ĥemiiston Werber en Wieno, kiu

intencas fondi baldaŭ en la neŭtra lando mirigantan institucion. Demandu la estraron de U. E. A.

Ĉu vi scias la kontraŭdiron kiun faris kelkaj Belgoj? Ho, tiuj mallaboremuloj! La Belgoj estas inter la plej proksimaj najbaroj de Amikejo; ili tamen diris kaj el ĉiuj popoloj *nur ili* diris ke estas malfacile, maloportune, eĉ longe vojaĝi ĝis Amikejo ĉar oni deviĝas fervojveturi ĝis Aacheno. Jes, oni deviĝas fervojveturi ĝis Aacheno, tial ke Amikejo estas antaŭurbo de Aacheno. La Francoj, la Angloj, la Hispanoj ne trovis la vojon tro longa. Se la 5 supraj tialoj sufiĉas por altiri la diversnaciajn kiel esperantistoj, jen estas aliaj tialoj kiuj altiros ilin kiel turistoj.

Post longa vivado en laciganta urbo, kia ĉarmo pasi unu aŭ du semajnojn en la ripoziganta Amikejo! S^ro^ Abato Richardson, kiel sincere ripetadis dum la varmaj tagoj de Aŭgusto, promenante sur la vojo de Belga Moresneto: «la venontan jaron, se mi ankoraŭ vivos, mi revenos Amikejon»! Sinjoro Abato Richardson, vi estas tro utila apostolo por ke Dio ne donu al vi ankoraŭ longan vivon. Ankaŭ Fraŭlino Moreau, la esperantista misiistino, kiu verkis la kanton de Amikejo, diris ofte: «mi revenos», dum ni admiris la lageton kaj ĝiaj verdaj bordoj. Ni revenos,diris sinjorino Stas kaj ŝia fratino dum gviditaj de la bonegaj remistoj sinjoro Staes,el Antverpeno,kaj sinjoro Schriewer, el Amikejo, ni gondoliris la «Feliĉan lagon» ĉirkaŭante la «Irminsulon», Feliĉa lago, Irminsulo, du nomoj kiujn oni tuj formis per la nometoj kaj je la honoro de la du amindaj vizitantinoj. Ni revenos, diris ankaŭ la 50 francaj kaj hispanaj karavananoj kaj la ĝoja grupo de Beyne-Heuzay, kiu malgraŭ la pluvo elportis bonan impreson el neŭtra Moresneto.

Ĉiuj diris ni revenos, tial ke en la verda, freŝa kaj senbrua Amikejo la nervoj malstreĉiĝas, oni ĝuas la forgesadon, oni ĉesas pensadi por pli bone sentadi. Mi eraras; oni tre pensadas, sed ĉar oni ne plu parolas sian patran lingvon, oni ne pensas plu pri la ĉagrenoj, pri la malagrablaĵoj, kiujn oni esprimos ĉiutage perĝi. Forigonte la esprimon oni forigas la penon.Kaj tial ke oni nur pensas al la pacaj, malegoistaj, sindonemaj, amikaj ideoj kiujn prefere esprimas Esperanto. Nu, tiu pensado estas, pli bone dirite, sentado, resaniga sentado. Oni resaniĝas en Amikejo.

Ĉiuj diras «ni revenos», tial ke la loko ne nur estas morala resanigejo, sed ankaŭ fizika resanigejo. La belgaj kaj germanaj kuracistoj rekomendas Neŭtran-Moresneton kiel aersanigejo. Apud Neŭtra-Moresneto kuŝas grandaj arbaroj kie oni konstruis, sanigajn domojn por viroj kaj virinoj. Ebriiganta odoro de kreskaĵoj allogas la promenanton al senfina vagado. Mi mem, kiu loĝas en la arbaraj Pireneoj ricevis tiun influon kiel novan.

En unu el tiuj sencelaj promenadoj mi alvenis al la misteriaj kvarŝtonoj. Estas tamen aliaj kuriozaĵoj ol la kvarŝtonoj, ol la

lageto, ol la arbaroj. La kalvarion, la faman kalvarion vizitas ĉiumerkrede centoj da Belgoj, Holandanoj kaj Germanoj. Ĝi kuŝas apud la landstrato de Belga Moresneto al Amikejo. La Belgoj, se la vetero estas bela, povas forlasi la vagonaron en Belga Moresneto kaj piediri Amikejon trapasante la kalvarion. La zinkminejo « la Vieille Montagne », la Malnova Monto, posedas en Neŭtra-Moresneto sian ĉefan uzinon. Oni jam scias ke « la Vieille Montagne » estas la plej granda zinkminejo de la mondo. Malantaŭ Amikejo estas monto kiu superstaras la neŭtran landon kaj vastan diversnacian regionon. El tie oni ĝuas vidaĵon senegalan. Tie arĥitekto el miaj amikoj elpensis senegalan projekton.

Sur la landstrato de Aacheno al Neŭtra-Moresneto oni trovas beletajn, tutnovajn restoraciojn en formo de kasteletoj aŭ elegantaj kampodomoj. Ĉiumomente elektraj tramveturiloj iras kaj venas inter la du stacioj. La dimanĉon nekalkuleblaj aroj da Aachenanoj ekskursas tra la arbaro ĝis Neŭtra-Moresneto. Tie estas kasino, parketoj kun muziko. Malofte mi aŭdis pli artistan muzikon ol en Amikejo. La bandanoj tamen estas nur fabriklaboristoj. Sed aŭskultante ilin mi memoris la vortojn de franca komponisto : « muzika sento estas sendependa de klereco. Speciale en la nordo, bandaj da fabriklaboristoj ludas tiel bone kiel la konata franca « *Garde Republicaine* ».

Kiel diras la germana poeto Schiller la feliĉa homo neniam scias kioma horo estas. Ĉu meze de siaj arbaroj, borde de sia lageto la loĝantoj de Amikejo estas feliĉaj ? Vere ili neniam scias kioma horo estas.Kiam estas la dua en Germanujo, estas la unua en Belgujo. Nu, en Amikejo, kunlima terpunkto de la du landoj, se oni esprimas horon oni ĉiam konfuzas tial ke Amikejo, anstataŭ havi propran horon havas nur la horojn de siaj belgaj kaj germanaj vizitantoj. Nun estas la tria, diras Belgo ; ne, nun estas la kvara respondas al li Germano, kaj Amikejano diras : mi ne scias kioma horo estas. Feliĉa homo, jes !

Feliĉa homo, ankoraŭ, ĉar simila al feliĉa ebriulo li eĉ ne scias kie li estas. Ĉu en Amikejo, ĉu en Holando, ĉu en Belgujo, ĉu en Germanujo ? Se li sekvas straton, tre ofte li havas unu kruron en Amikejo kaj la alian en Germanujo aŭ en alia lando, je l' granda malplezuro de la limimpostistoj.

Feliĉa homo, ĉar li malŝatas la monon. En la neŭtra landeto oni vidas francan, belgan, germanan, holandan monon, oni ne vidas neŭtran.

Prof. Gustave Roy,
Saint-Girons (Ariège) France.

---

LITERATURA PARTO.

# DEVO DE REĜO (1)

UNUAKTA TEZO DE

## NESTOR DE TIÈRE.

Personoj : la Reĝo (30 jara), — la Reĝino (25 jara), — Ĉambristo.

(Studejo de la reĝo. Luksa meblaro. Pordoj, dekstre kaj maldekstre. Meza pordo en la fundo. Flanke de la pordo, maldekstre de la rigardantoj, fenestro kun perspektivo sur ĝardeno. Skribotablo, dekstre antaŭe.)

### 1ª SCENO.

LA REĜINO.

La Reĝino, *malrapide antaŭenirinte de maldekstre, apogante per la mano sur seĝo.* — La ŝtata konsilantaro nun kunsidas : nun oni parolas pri milito, favore aŭ kontraŭe. La reĝo, kvankam ĉiam tiel pacema, nun pli inkliniĝas al milito, sub la potenca influo de la maljuna kabinetestro, kiu volas tiun militon, kiom ajn kostu. Estas tiu, kiu antaŭ dudek jaroj incitis la mortintan reĝon al la milito, kiu kostis al nia lando unu provincon. Nun li volas la revenkon. « Tiu revenko, li diris hodiaŭ, mi havos, spite la abomeno, kiun nia afero inspiras al la reĝino. »

Nu, Sinjoro Ministro, tio ne okazos, ĉar via projekto estas maljusta. Mi tro amas mian edzon por permesi ke li entreprenu, sen kontraŭstaro, maljustan militon. Reĝo iom povas esti supera al la homaj leĝoj, sed neniam li superiĝis la neŝanĝeblan leĝon de la vero, kiu laŭdos aŭ malhonoros lin en la libro de l' historio. Flatulo povas diri al ia reĝo, kiu faras maljustan agon : « Reĝa Moŝto, via ago estas justega », sed la genio de l' historio anoncas laŭte kaj solene : « Ne, homo kiu estas reĝo, ne, via ago ne estas justa. » *(Paŭzo.)*

*(Fiere.)* Ha! sinjoroj ministroj, vi estas ruzaj diplomatoj ! Nu, mi ankaŭ volas ludi la rolon de diplomato. Vi ĉerpos la ruzon de la diplomatio el via spirito, mi ĉerpos ĝin el mia koro. Ni vidos, kiu el ni triumfos ĉe la reĝo : ĉu vi, malvarmaj viroj, per via seka, politika spirito, ĉu mi, la malforta virino, la juna patrino ! Vi estas fortaj, mi estos pli forta, ĉar mi estas kuraĝigita

---

(1) **Nestor de Tière** naskiĝis en Eine (Ejn'o) apud Oudenaarde (Aŭdenardo), en la belga provinco Orienta Flandro, dum 1856; li loĝas de multaj iaroj en Bruselo, kie li estas funkciisto ĉe la Reĝa biblioteko.

Li verkis kelkajn poeziaĵojn, sed estas precipe kiel dramaturgisto, ke li akiris grandan famon en la flandra literaturo.

La verkoj de Nestor de Tière jam estas tre multnombraj. Jen la titoloj de liaj plej laŭdataj dramoj : *Zieleketens* (Animkatenoj), *Wilde Lea* (Sovaĝa Leo), *Liefdedrift* (Ama pasio), *Een Spiegel* (Spegulo) kaj *Roze Kate*. Komediojn li ne verkis, sed li liveris la tekston de tri operoj, *Herbergprinses* (Princino de Trinkejo), *De Bruid der Zee* (La Fianĉino de la Maro) kaj *Baldie*, por kiuj Jan Blockx kompoziis tre ŝatindan kaj ŝatatan muzikon.

Se eble, oni povas riproĉi al Nestor de Tière liajn naturalismajn emojn kaj kelkfoje la krudecon de liaj esprimoj, li estas unanime laŭdata pro lia profunda studado de la homa karaktero kaj lia perfekta konado de la scenarto. Li estas nun en plena matureco de sia potenca talento.

de la voĉo de mia konscienco, de la ideo al la feliĉo de mia popolo kaj de l' prospero de mia patrujo. *(Ŝi aŭskultas.)* Li malkontentiĝus, se li scius ke mi lin atendas nun ĉi tie...

*Ŝi foriras, maldekstren. La meza pordo malfermiĝas; la reĝo antaŭeniras. Ĉambristo prezentas al li, sur ora pleto, la ŝtatajn paperojn. — La ĉambristo foriras.*

## 2ª SCENO.

LA REĜO.

La Reĝo, *grave pripensante, metas la ŝtatajn paperojn sur la tablon.* — La kabinetestro estas prava; la momento estas favora, la financoj de la lando estas prosperaj, la armeo estas plena je la plej bonaj sentoj, la malamikaro estas malkvietigata de interna malpaco. *(Tre ekcitita).* Per Dio! Estus eterna gloro por mia regado, se mi povus realmiliti la ceditan provincon. Tiu triomfo estus la plej bela oferdono, per kiu mi iam povus honori la memoron de mia bedaŭrata patro. Ĉi tie *(prenanta folion da papero de la tablo)* estas la ultimatumo. Mi nur bezonas ĝin subskribi, por levigi la glavon de la venĝo.

*(Li sidiĝas en apogseĝon. Paŭzo. Li profunde pripensas. La Reĝino aperas).*

## 3ª SCENO.

LA REĜO, LA REĜINO.

La Reĝino, *antaŭeniras senbrue ĝis post la apogseĝo, ŝi kliniĝas, ridetante.*

La Reĝino, *tutkore.* — Ĉiam la frunto per nuboj tegita, ĉiam la spirito plena je ŝtataj aferoj! Venu, kaj for tiu seriozeco! *(Ŝi kisas lin sur la frunto).* Forgesu do kelkajn momentojn ke vi estas estro de popolo, kaj donacu per tiuj momentoj la hejman vivadon, mi petas.

La Reĝo, *iom malkontenta.* — Mi petas, lasu min sola: gravaj ŝtataj aferoj postulas mian tutan tempon. Mi devas preni gravegan decidon. *(La Reĝino atente aŭskultas).* Decas, ke mi pripensu tre serioze...

La Reĝino, *kun intenca indo.* — Mi ne opiniis trovi ĉi tie la reĝon, sed la tutkore amatan edzon. Mi eraris: Via Reĝa Moŝto bonvolu pardoni al mi. *(Ŝi direktas sin al la maldekstra pordo).*

La Reĝo, *stariĝas kaj ŝin retenas.* — Mi tute ne intencis malĝojigi vin. Restu. Vi estas prava, mi konsentas volonte forgesi dum kelkaj momentoj la ŝtatajn interesojn kaj nur pensi ke mi estas kun la patrino de mia fileto, kun mia karega Ludovikino. *(Li kisas ŝin).*

La Reĝino. — Dankon pro tiuj vortoj! Tiel mi amas vin, kun la brilo de ĝojo sur la vizaĝo, kun okulo, brilanta per boneco kaj vivamo. Tiel, kiel vi nun staras antaŭ mi, mi revidas vin kiel dum la tago kiam mi vin ekkonis...

La Reĝo, *premante ŝian manon.* — Vi estis apenaŭ dek-kvar jara...

La Reĝino. — Kaj vi dek-naŭjara. Vi havis en via uniformo brilegan aspekton. Ridetante vi kliniĝis, kaj senvole mi ekkriis, indignante miajn kortegajn sinjorinojn: « Kia bela princo! »

La Reĝo. — Kaj mi respondis ridante: « Kia superbela princino! » Kaj la ĉarmega princino ege ruĝiĝis!

La Reĝino. — La bela princo foriris al sia lando, sed li restis en mia koro!

La Reĝo. — De tiu disiĝo la kronprinco ne plu havis ripozon, ĉar ĉiam li pensis pri la ĉarma princineto!

La Reĝino. — Kaj iun tagon la princineto fianĉiniĝis kun la kronprinco, kaj la edzeco kunigis ambaŭ.

La Reĝo. — Kaj la princo retrovis la animfeliĉecon, bonfaranta feino nun ĉiam estis kun li, kaj tiu feino estis lia kara, karega Ludovikino! Du jarojn poste, iun matenon, li genufleksis antaŭ vi, dirante: « Post kelkaj momentoj vi supreniros la tronon de mia patro, kaj vi ricevos la respektĵuron

de tuta popolo. Vi estas por mi la suno de mia vivo, la nutranta forto de mia koro, de mia spirito! Reĝino, mi volas esti la unua por vin honori, mi genufleksas antaŭ vi.

La Reĝino, *lin kisante. Kun kreskanta entuziasmo.* — Bela tago! Belaj memoraĵoj! Mi ankoraŭ aŭdas la jubilon, kiam, la unuan fojon, ni montris nin al la popolo. Estis efektive la popola voĉo, kiu tiam resonis, tiu potenca popola voĉo, plena je amo kaj sindono al la juna reĝo. Granda ĝojo ekkaptis min, fiereco, de mi ĝis tiam nekonata, igis min levi la kapon, kaj tremante pro kortuŝo, mi rigardis vin, la reganto de tiu popolo, vin, ho mia edzo kaj reĝo! La popolo vin amis, kaj ĝia giganta voĉo tion diris jubilante al la tuta Eŭropo! La popolo vin amis, kaj ŝajnis diri al vi: « Reĝa Moŝto! al vi nian fidon en la estonteco, granda per industrio, komerco kaj libereco!... » Kaj la popolo ne eraris; vi estas kaj vi restas la protektanto de komerco, industrio kaj libereco, la kuraĝiganto de literaturo kaj artoj!

La potenculoj de la tero povas fari multan bonon, se ilia koro ne estas ŝtona koro. Kaj via koro estas bona, vi estas la bonfaranto ĉe ĉiuj katastrofoj kaj malfeliĉaĵoj. *(Ŝi kondukas lin antaŭ la fenestron. Levigante la kurtenon.)* Vidu! tie malproksime, tiujn malgrandajn domojn, ĉirkaŭitajn de verdaj herbejoj kaj fruktedonaj kampoj: ĉio atestas pacon kaj feliĉon! Kaj tion oni vidas ĉie en via regejo: ĉie pacon kaj feliĉon! Pro tiu feliĉo, pro tiu paco vin amas la popolo, kaj ĝia amo al vi ĉiam pligrandiĝas! Ĉu ne, mia nobla edzo kaj reĝo, tiun pacon la popolo ĝuos ankoraŭ multajn jarojn?

La Reĝo, *kies mieno malheliĝas.* — La paco dependas de la interesoj de la lando.

La Reĝino. — Ĉu plibone la interesoj de la lando ne dependus de la paco?

La Reĝo. — Mia regno devas plenumi grandan devon. Kaj ĉi tie la interesoj de la lando sin rilatas tre grave al la plenumo de tiu devo.

La Reĝino. — Kaj la plenumo de tiu devo konsistas el la realmilito de la perdita provinco?

La Reĝo. — Jes!

La Reĝino. — Ĉu tio estas nepre necesa devo?

La Reĝo. — Tio, kion oni forprenis de ni, devas esti redonata!

La Reĝino. — Per la forto de l' armiloj?

La Reĝo, *kun decido.* — Per la forto de l' armiloj, jes!

La Reĝino. — Kaj se la armiloj estus malfavoraj al vi?

La Reĝo. — La bona rajto estas kun ni: ni venkos! *(Li paŝas kaj repaŝas tra la salono.*

La Reĝino, *iel agitita.* — Kiel! Antaŭ dudek jaroj ni volis la militon, kaj ni denove ĝin volas! Denove ni deklarus la militon, denove ni malkvietigus la pacon en Eŭropo! Kaj la bona rajto estus kun ni? La bona rajto neniam estas kun iu, kia ajn potenca reĝo li estu, kiu, per politika ambicio, igas siajn planojn super la interesojn de tuta popolo!

La Reĝo, *vundita.* — Vi malprave komprenas tiujn interesojn; vi forgesas la intencojn de nia malamika najbaro pri la novstarigita Afrika kolonio, pri kiu, ni pli ol li, estas rajtigitaj...

La Reĝino, *pli dolĉe.* — Ĉu tiun ĉi demandon la diplomatio ne povus aranĝi?

La Reĝo. — Ne eble!

Lr Reĝino. — Ve! neeble, ĉar oni precize trovis en tio la pretekston, la rimedon por la milito.

La Reĝo, *senpacience.* — Sed, ĉu do vi ne komprenas ke tiu milito estas necesega? La lando estas senmembrigita: la parton, kion oni forkaptis, devas esti realdonata! Estas nur tempa demando! La momento estas favora; pli bone nun, ol poste! Konfesu tion kun mi: tiu venko estas gravega fakto; eterne estos notata en la historio ke mi, la juna landestro, per giganta penado sukcesis etendi la limojn de la patrujo ĝis ilia antaŭa ĉirkaŭo. *(Fiere.)* Mi malamas la malamikaron! La insultegon, iam faritan al mia patro

per la cedo, mi devas venĝi. La konservado de la influo de mia lando, ĝia grandeco, ĝia famo, ĉio insiste postulas la militon! Ĉio!

La Reĝino, *kviete*. — Ĉio?... Kaj la popolo?

La Reĝo. — La popolo estas preparita, la popolo amas sian reĝon, sian landon! La popolo trudos al si oferojn, kiel ĝi antaŭe faris.

La Reĝino. — Estu! Post kelkaj tagoj ĉie resonos la terura sciigo: «Du grandaj landestroj estas militontaj!» Tiu teruriga sciigo estos la antaŭaĵo de ĝenerala funebro; timego kaj ĉagrenego ĉie regos! *(La Reĝo, kun pasia movado sidiĝas en la apogseĝon, la kapon en la mano).*

*(Kun kreskanta emocio.)* Milito! Milito! La milito furiozas per sia tuta fortego! Homoj mortigas homojn! Miloj kaj miloj falas! Urboj kaj vilaĝoj flamas! Kampoj kaj herbejoj fariĝas maro da sango, el kiu altiĝas montoj da kadavroj! Sango, sango, ĉie sango! Ĉie mortigo kaj neniigo! Ĉie mizero, ĉagreno, doloro kaj malespero!

Kaj malgraŭ tio unu el la militantaj reĝoj jubilas! Al li la triomfo! Al li la cedita provinco! Vi ĉiuj, liaj regatoj, jubilu! Via reĝo realmilitis pecon da tero, trempita per homa sango, sed tamen realmilitita! Komerco kaj industrio malfortiĝas, la malsato staras antaŭ multe da pordoj, al la artoj estas forprenita multo da talentoj, sed tamen la teritorio estas denove realmilitita! Jubilu, jubilu nun kun via reĝo, jubilu nun ĉiuj kaj estu ĝojigitaj!... *(Paŭzo).*

Ĉu la fianĉino malkvietiĝas pri la peco da tero? *(Dolĉe).* Ve! ŝi kisas harligon; larmoj ekfalas al siaj okuloj, ŝi priploras la tutkoran amaton!

Kaj tiu grizharulo! Kun muta malespero li tie senmove rigardas! Li havis fortikajn filojn, pri kiuj li estis tiel fiera! Ĉiuj falintaj, falintaj sur la granda homa mortigejo! Neniam, neniam plu li revidos ilin! *(Kun forto kaj ĉagrenego).* Ĉu tiu maljunulo malkvietiĝas pro tiu peco da tero!

Kaj en ĉia hejmo ploras fratinoj, kaj en ĉia hejmo patrinoj ploras dolorajn larmojn! *(Kun indigno kaj profunda emocio).* Ĉu iam tiuj plorantaj fratinoj, tiuj plorantaj patrinoj malkvietiĝis pro tio malbenata peco da tero!

Kaj tiuj centoj da infanetoj, tiuj kompatindaj orfoj, forlasitaj kiel vagantaj ŝafetoj, tute solaj en la mondo, ĉu ili iam pensis pri tiu realmilitita peco da tero! *(Paŭzo).*

Ho mia edzo kaj reĝo, mi ĉiam esperis ke via regno estus regno de eterna paco, regno kiu benigus vian memoron. Ne, ho ne! se vi iam deklarus la militon, eĉ se vi venkus, neniam mi rigardus la kronon sur via kapo ne pensante, tremegante: « Al tiu krono gluas sango, homa sango! »

La Reĝo, *kiu dum la alparolado de la Reĝino montris senpaciencon kaj malkontenton. Stariĝante, malvarme.* — Vi estas tre elokventa, kaj viaj diroj atestas pri via bona koro. Ĉe ŝtataj aferoj tamen, oni neniam konsiliĝas kun la spirito. La virinoj, kiuj plej ofte ne sufiĉe penetras ŝtatajn aferojn, kelkfoje paroligas tro laŭte la koron: la spirito sola povas paroli, la koro devas silenti.

La Reĝino, *kun ne kaŝita ĉagreno.* — Tiel parolas via ĉefa ministro!

La Reĝo, *fiere.* — Tiel mi pensas, tiel mi parolas! Via Reĝina Moŝto tion ne forgesu! *(Kliniĝante).* Bonvolu min senkulpigi, mia tempo estas tre limigita.

La Reĝino, *profunde ofendita.* — Mi ĝin sentas: mia parolo ne estas sufiĉe potenca por vin kortuŝi. Nu, paroligu sole la politikan spiriton; sed faru la Ĉielo ke via animo estu ĉiam tiel malvarma kaj indiferenca kiel dum la nuna momento! La naturo donacis tiel reĝojn kiel almozulojn per potenca io, kiu nenian momenton forlasas ĉu reĝojn, ĉu almozulojn: la konscienco. Kaj ofte tiu konscienco parolas pli laŭte ol la politika spirito! Ke neniam, post la milito, vi aŭdu la voĉon de la konscienco! Ĉie la konscienco persekutos vin, kaj senkompate resonos: « Reĝo, vidu tiun grandan alfluon da sango! Tiu sango estas verŝita de vi! Reĝo, vi estas homo! Ve, ve al vi, ho Reĝo! Vi, kaj vi sola, mortigis milojn da viaj fratoj! Ve al vi! Ilia sango refalos sur vin.

*(La Reĝino kliniĝas. Ŝi forlasas, la kapo levita, la scenejon).*

## 4ª SCENO.

LA REĜO.

La Reĝo, *kiu kolere rigardas ŝin.* — Oni ne povus pli bone paroli, se onu estus pagita de la malamikaro! *(Li paŝas kaj repaŝas pasie, la brakoj kruciĝitaj sur la brusto).* Mi estas la reĝo! Mi decidas! *(Paŭzo).* Mia ĉefa ministro tuj ĉi tien alvenos. *(Li prenas la dokumenton, sur kiu estas skribita la ultimatumon kaj ĝin jetas sur la skribtablon, li denove paŝas kaj repaŝas kun malhela mienesprimo. Longa paŭzo).* Reĝo kelkfoje devas forgesi ke li estas homo. *(Paŭzo. La mimiklingvo daŭrigas esprimi la sentojn de la reĝo. — Subite kaj kun decido, laŭte kaj forte).* Ĉi tien, la ultimatumo! *(Li subskribas).* Jen! *(Paŭzo).* La glavo iĝis el la glavingo! La malamikaro tremiĝu! *(La Reĝino, tute teruriĝita, aperas, haltas kaj malespere altiĝas la brakojn).*

## 5ª SCENO.

LA REĜO, LA REĜINO.

La Reĝino, *penige spiregante.* — Nia infano, nia infano!

La Reĝo, *teruriĝita.* — Dio mia! Nia infano! Tiu emocio!! Nia infano, vi diras?!...

La Reĝino. — Nia infano! nia fileto!

La Reĝo, *kun kreskanta timo.* — Parolu! Parolu! Parolu!!!

La Reĝino. — La guvernisto de la kastelo ĉi tien rapidis kaj alportis sciigon...

La Reĝo. — Kian sciigon? Kian!

La Reĝino. — Sciigon, kiun li mem ne kuraĝis anonci al vi, sciigon, tiel teruran, ke anoncinte ĝin al mi, li forkuris kiel frenezulo! O estu kvieta! Nia infano... falo el malfermita veturilo... la radoj... kaj...

La Reĝo. — Kaj?

La Reĝino, *falante sur seĝon kaj kaŝante sian vizaĝon.* — Ve!

La Reĝo, *frapante sian kapon per la manoj.* — Mortinta! Mortinta!... Mia infano, mia fileto! Nun mortinta, senviva! Mortinta, mia kompatinda, mia kara fileto! *(Volas deiri, revenas ŝanceliĝante).* Frakasita! Disĉremigita! *(Li estas konfuzegita, fine li ploregas).* Dio! Dio mia! *(Paŭzo. Subite, kun furioza malespero)* Ve, ve al tiuj kiuj estis apud li! Ili devis malhelpi al tio! Mi punos ilin! Per Dio, ili elpagos! *(Freneze).* Mortinta! mortinta!! mortinta!!! Mi donus mian tutan landon por la vivo de mia infano, mian tutan landon! Mortinta, mortinta!... mia fileto! mia kompatinda fileto! *(Ploregante li falas en la apogseĝon).*

La Reĝino, *stariĝante, alproksimiĝante lin, kaptita de potenca kortuŝo.* — Jen vi sidas, neniigita de la doloro, kun senspiritigita, kun sangadanta koro! Nun vi volas doni vian tutan landon por la vivo de via infano! Ĉu estas vi, kiu tiele parolas, la Reĝo, kiu antaŭ nur unu momento, pro peco da tero, volis forpreni la filojn de miloj da patrinoj, de miloj da patroj! Antaŭ apenaŭ unu momento, la Reĝo, kiu nun tiele parolas, volus silentigi la voĉon de l' koro, kaj tiu reĝo ŝajnas ne havi koron! Kaj nun lia propra koro parolas tiel laŭte, tiel forte pro lia filo, pro lia infano! Nun la sama reĝo ploras tiel ĉagrene, li, kiu tute ne malkvietiĝis pro la mortiga doloro, la malbono kaj mizero de miloj kaj miloj!

La Reĝo, *forigante ŝin, etendante la manon.* — Silentu! silentu! silentu!...

La Reĝino, *ankoraŭ pli profunda kortuŝita.* — Reĝo, la voĉo de via koro parolas! Kiu malpermesos al via koro paroli? Tamen, kiam mi petegis al vi por ke vi ne entreprenu la militon, vi silentigis la voĉon de mia koro! Kaj tamen, mi devis paroli, ĉar mia animo estis tiel ege malĝojigita! Vi silentigis min! Kaj tamen mi ĉi tien revenis por paroligi pli laŭte vian koron, kaj samtempe por, tiel farante... por... ho, pardonu al mi! *(konfuze kliniĝante la kapon)* ... por mensogi, ho Reĝo!!...

La Reĝo, *tre emociita, turnas la kapon por ŝin rigardi.* — Por mensogi?!

La Reĝino, *dolce.* — Por mensogi...

La Reĝo. — Kio! Kiel!

La Reĝino, *kun tremanta voĉo.* — Nia infano, nia fileto... li vivas!

La Reĝo, *eksaltante.* — Freneza! Granda Dio! Mia fileto mortinta! kaj ŝi freneza! Ho! *(Li rigardas ŝin teruruigite.)*

La Reĝino, *time.* — Ne! Ne freneza! La malfeliĉo ne okazis! Estas...

La Reĝo, *kiu viŝas la ŝviton de sia frunto. Kvazaŭ revante.* — Mensogo! Mia fileto vivas! Li vivas! li vivas! *(Jubilekkriante.)* Li vivas!!! *(Paŭzo. Subite, kun indigno.)* Kaj vi povis mensogi tiun mensogon,vi,la patrino,vi mia povis turmentegi tiel, senkompate? *(Kolere.)* Ĉu vi estas la tiel dolĉa, la tiel delikata Ludovikino? Foriru! Mi ne plu konas vin, mi ne plu volas vin vidi! Tigro ne estas pli kruela ol vi! Mi abomenas vin!!! *(Ŝi etendas petegante siajn manojn al li.)* Virino sen animo, via mensogo estas krimo! For de mi! For!

La Reĝino, *kun emociego.* — Malbenu, mortigu min! Kiel patro vi havas tiun rajton! Sed ne kiel reĝo! Mi mensogis kiel virino, kiel edzino, kiel patrino! Mi mensogis kiel reĝino! La reĝino ege devis batali por forgesi ke ŝi estas virino, edzino, patrino! Mi opiniis ke, kiel reĝino, mi devis igi min mem por nur paroli al vi kiel la genio de la vero, de la homamo! Kiel reĝino tio estis mia devo, sankta reĝa devo! Kaj mi mensogis, kaj dum unu momento via koro sentis ĉiajn dolorojn, kiujn suferos miloj da viaj proksimuloj, per via kulpo! Jen mia krimo!

*(Genuflеksante).* Ho mia edzo kaj reĝo, mi mensogis pro amo al vi kaj al la lando, pro amo al tiuj miloj da kompatindaj infanoj el la popolo, pro amo al tiuj miloj da virinoj,kies kapo ne estas kronita, sed kiuj ĉiuj portas la belan, la noblan nomon de patrino! Reĝa Moŝto! Jen estas mia krimo! *(Ŝi ploras. — La reĝo estas profunde kortuŝita).*

La Reĝo, *stariganle ŝin.* — Via mensogo, via mensogo... estas... estas nobla mensogo! Sur mian koron, Ludovikino! Kara Ludovikino! Sur mian koron! *(Ŝi falas inter liajn brakojn. Li kondukas ŝin al la skribtablo.* Jen la ultimatumo: jen ĝi! *(Li disŝiras la paperon).* La diplomataro aranĝu la aferon! *(Laŭte).* La popolo neniam ekscios tion,pro kio ĝin devas danki al sia reĝino!

La Reĝino, *prenante lian manon, entuziasme.* — Ho, la popolo daŭrigos ami vin! Denove ĝi salutos vin ĝoigite, denove la infanoj alportos al vi florojn, denove la patrinoj vin benos! Kaj via trono fortikiĝos pli kaj pli: ĝi ne estos ŝirmata de homaj kadavroj, sed de la amo de via popolo! Kaj, se iam la malamikaro minacus la patrujon, la popolo ekkaptus la armilojn kaj mi, mi estos la unua por krii al ĝi: « Al la armiloj por la patrujo! »

Amatus,
Esperantigis.

# BIBLIOGRAFIO.

Gustave Roy. **Kiel Neŭtra Moresneto fariĝis Amikejo.** Paris, librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre. (Prezo 25 centimoj = 10 Spesdekoj).

Mi tralegis kun granda intereso tiun ĉi broŝuron en kiu nia amiko kaj kunlaboranto S^ro G. Roy pritraktas la projekton, kies unua, talenta iniciatoro li estas.

S^ro Roy priskribas intersekve la gravecon de Amikejo, ĝia fondo, la ĝis nun faritajn penadojn kaj klopodojn kaj la estontecon de Amikejo. Li faras elokventon alvokon al la esperantistoj, montras al ni la tri geniojn de Amikejo kaj prezentas fine gvideton por Fremduloj en la rava regiono, kiu estas Amikejo.

La broŝuro estas skribita en korekta,entuziasta stilo ; ĝi estas tute rekomendinda.

Amatus.